# ESPERANTO EN AFRIKO

Numero 17
(2012: 1)

Bulteno de la
Afrika Komisiono de UEA




*Karaj gelegantoj,*

*La redaktoro unue deziras kapti la okazon por esprimi bondezirojn al ĉiuj okaze de la nova jaro 2012. La ĵus pasinta jaro (2011) estis unu el la plej aktivoplenaj jaroj por la movado en Afriko. Sub instigo de Adjévi Adjé, la kunordiganto de la Afrika Komisiono de UEA (AK), ties membroj efike komunikis inter si. Pli kaj pli da lernmaterialoj elfluis de la Afrika Oficejo (AO) de UEA en Benino al diversaj partoj de Afriko, de Ugando al Ganao, sen forgesi Gabonon, Burundon, Sud-Afrikon ktp. Al AO disponigis gravajn lernmaterialojn unuopuloj kaj ankaŭ organizaĵoj kiel Esperanto-Asocio de Britio kaj SAT-Amikaro. Seminarioj estis organizitaj, ĉu en Kongolando fare de ILEI kaj de AK, ĉu en Benino organizite de Mireille Grosjean kunlabore kun loka organizaĵo. Eĥoj en intervjuo aŭ rakonto de afrikaj esperantistoj partoprenintaj en la pasintjara UK estos ankaŭ legeblaj en tiu ĉi numero. Oni trovos mesaĝeton pri la orfejo Nabouba, subtenata de la esperantistino Vladka Chvátalová, kaj ankaŭ ion pri la lernejo Jules Verstraeten en Koĝi. Ĝuu la legadon!*

*La redaktoro*

***

## VORTO DE LA ĈEFKUNORDIGANTO DE AK (AFRIKA KOMISIONO DE UEA)



Karaj gefunkciuloj de la landaj asocioj en Afriko,

En la nomo de la Afrika Komisiono, mi ree salutas vin okaze de la apero de tiu ĉi numero de nia bulteno *Esperanto en Afriko.* Certe vi ĉiuj konsentas kun mi, ke la plej natura kontaktanto por landa asocio en Afriko flanke de UEA estas la Afrika Komisiono. Pro tio ni do havas la taskon, en la limoj de niaj eblecoj, informi vin ĉiujn per diversaj informoj por ke vi povu, eĉ se nur pasive, sekvi la vivon de la movado en Afriko. Ni, pere de la Afrika Oficejo, havas la devon respondi gravajn demandojn viajn kaj ankaŭ povas sendi al vi lernomaterialojn, kiujn vi mem devas kopie multobligi surloke. Jaran subvencion ni ja disponigas al landa asocio (kaj ankaŭ al grupo en lando, kie ankoraŭ ne ekzistas asocio),

kiu prezentas agadraportojn pri la finiĝanta jaro, por kovri elementajn bezonojn en la nova jaro. Ni kreas retpaĝaron por grupo aŭ asocio, kiu mem liveras la materialon kaj ankaŭ helpas en la kompostado de landaj informiloj – sen forgesi instigi ĉiujn grupojn kaj landajn asociojn formi virinan sekcion, TEJO-sekcion kaj ILEI-sekcion. Mallonge, la Komisiono estas je la dispono de ĉiuj asocioj kaj grupoj en Afriko por doni konsilojn kaj kontribui al la edukado de ties membroj pri la Esperanto-movado.

Ni verŝajne ne povas helpi, tamen, pri havigo de komputilo aŭ de veturilo, nek pri luopago de oficejo. Pri tiaj aferoj devas okupiĝi membroj de la asocio mem, eventuale en ligo kun aliaj homoj en privata rilato. Vi devas ankaŭ kompreni, ke ni normale ne traktas pri proponoj de komercaj kunlaboroj, ĉar ni ekzistas precipe por treni la organizaĵon, kies tasko estas disvastigo de Esperanto. La taskoj iras ja en ambaŭ direktoj, kiel ĉiu sperta esperantisto scias. Landaj asocioj devas helpi al glata transiro de la informfluo de la landoj al la Komisio kaj inverse. La estraranoj de landa asocio devas mem instigi lokajn fortojn sendi informojn al la afrikaj listoj pri okazantaj kursoj kaj informlaboroj tra la tuta lando. Ili partoprenu en diskutoj pri diversaj temoj aŭ problemoj de la afrika movado tra la konsilantara listo, por klopodi sugesti solvojn al la Komisiono. Landa asocio havas la devon provi helpi lokajn klubojn en la limo de la disponeblaj rimedoj. Ĝi devas atenti kaj la individuajn esperantistojn kaj la klubojn, kun daŭra interesiĝo pri ilia bonfarto en la lando.

Jen, karaj geamikoj, kelkaj devoj kiuj jam estas konataj kaj kiuj ne estu forgesitaj. Se ĉiu el ni nun diligente plenumas sian parton de la ĝenerala respondeco – kaj mi ne dubas pri tiu plenumo – la movado sur nia kontinento ne nur efike progresos, sed iĝos fonto de daŭra fiero por ni mem. Ni konstante instruu pri nia lingvo kaj pri ĝia interna ideo de paco, kaj kunlaboru inter ni ĉiuj!

*Adjévi Adjé, ĉefkunordiganto de AK*

## DANKON AL GEAMIKOJ DE LA AFRIKA OFICEJO DE UEA (AO)




Unu el la ĉefaj taskoj de la AO estas disponigi lernmaterialojn al afrikanoj. Grava parto de tiuj lernmaterialoj venas de la CO de UEA, sed ankaŭ de unuopuloj kiel Sabine Hauge (Germanio), Renato Corsetti (Italio), Jean-Yves Santerre (Francio), Růžena Vlková (Ĉehio), Jean Codjo (Kanado), kaj Viv O'Dunne de EAB (Britio). Tiel, la oficejo plenumas efike sian taskon helpe de tiuj malavaraj mecenatoj. Pli kaj pli da afrikanoj petas de kelkaj jaroj elektronik-versiajn materialojn. Kvankam aliro al reto ne tiom funkcias por tiaj homoj, tiuj tamen ekpreferas lerni la lingvon per la reto. AO havas kelkajn tiajn materialojn sur diskoj (ekzemple *Gerda malaperis*) kaj pretas disdoni ilin al lernantoj disponantaj je komputilo. Espereble la AO daŭre povos kalkuli je via helpo por ebligi lernadon de Esperanto en Afriko.

*Afrika Oficejo de UEA (afrika.oficejo@gmail.com)*

# BENINO RIĈIĜAS JE PLIAJ ESPERANTISTOJ




Pro la efika informkampanjo starigita de Privas Tchikpe, venis al konferenco pri "Esperanto, lingvo de paco" 100 homoj. Aliĝis al la kurso "Unua Kontakto" 70 personoj, el kiuj 60 sekvis regule. Partoprenis la ekzamenon 51 personoj: 40 sukcesis, kun 17 ricevante mencion "sufiche", 18 "bone" kaj 5 "tre bone". Notindas, ke inter la partoprenantoj estis unu universitata profesoro, unu altnivela oficisto de la haveno, unu adepto de la bahaa eklezio, pluraj senlaboruloj kun altnivela trejnado, kaj pluraj studentoj. El la partoprenantoj dek du (20%) estis virinoj. Estis folio "Aliĝilo". Estis demando dum la solena disdono de atestiloj: tra kiu kanalo vi eksciis pri la prelego kaj la kurso? Estis folio "Taksado de la kurso". Konkrete la gestudentoj ricevis ok horojn da kurso donita de mi, Mirejo Grosjean. Plie ili studis memstare dum kvar horoj. Dum kvar tagoj okazis po du horoj da kurso, instruado kaj po unu horo da memlernado kun libroj kaj mi je dispono. Plie mi enkondukis la kurson per la poemo de Rozo, ĉinino: "Se vi estus rozo, mi volus esti roso..." Pluraj partoprenantoj diris al mi, ke ili tre ŝatis tion. Adèle Gogoe, "ina beno el Benino", verkis poemon kun la sama strukturo, kaj mi filmis ŝin deklamantan ĝin dum la solena disdonado de atestiloj (http://edukado.net/biblioteko/filmejo?iid=139&s=e075eb3605f30f809618b040b0cb9a9c). Plie mi montris la kunmetitajn vortojn (ekz. *dompordo*), mi montris *-is* kaj *-os*, mi montris la precizecon de Esperanto (*letero/litero*), mi montris la bezonon de Zamenhof iom ŝanĝi la vortojn por eviti ambiguecon (*faruno*, *planedo*,...), ktp.

La ekzameno disvolviĝis en bona etoso. Ĉiuj alvenis akurate. Kelkaj finis sian laboron rapide, aliaj restis dum unu horo. Neniu sukcesis skribi la diktaĵon sen eraroj, do ŝajnas, ke la ligo inter la sonoj kaj literoj ankoraŭ ne firmiĝis. La parola parto ne povis okazi pro la tro granda nombro da kandidatoj. Mi observis la legadon de pluraj gestudentoj antaŭ la ekzameno dum paŭzoj. Laŭ mi tiu kurso estis granda sukceso. La planitaj lernendaĵoj estas adekvataj en rilato kun la daŭro de la kurso.

*Mireille Grosjean*

# AFRIKO ZAMENHOFE FESTAS

- **Togolando**

Dudeko da esperantistoj kaj amikoj de esperantistoj kunvenis ĉe mia hejmo la 16-an de decembro precipe por memorigi la 152-an naskiĝdatrevenon de Zamenhof, kaj ankaŭ por deziri bonan revojaĝon al kvar gehispanoj post ilia trimonata kunestado en Togolando. La festo komenciĝis posttagmeze per du prelegoj. La unua estis farita de mi kaj rilatis al Esperanto kaj la vivo de Ludoviko Zamenhof. En la dua, s-ro Kouevigan Koffi Jérôme prezentis la plej freŝan asocion en la togolanda Esperanto-medio, nome Agado por la Promocio de Esperanto en Togolando (APETo),




kies prezidanto li estas. Inter la invititoj, la plej honora estis Nathali Martínez, profesorino pri la hispana en la universitato de Lomeo. Ŝi estas favora al plurlingvismo kaj ĉe la fino de la aranĝo diskutis private kun mi pri Esperanto kaj disponigis sian telefonnumeron. Aliaj aferoj konsistis el interpretado de Esperanto-kantoj fare de s-roj Tete-badu Nyinévi (konsilanto de APETo) kaj Ekougninougan Kokou. Ludoj, enkonduka kurseto, disdonoj de kalendaretoj kaj varbiloj al ĉiuj partoprenantoj, grupa fotiĝo kaj kunmanĝo fermis la tagon en varma etoso. Kiel oni povas kompreni, ni provis varbi novajn esperantistojn kaj instigi la malnovajn plulerni la lingvon – kaj niaj klopodoj unuaflanke portas unuajn fruktojn. Ana Belén Ayas (neleb-a@hotmail.com), unu el la revojaĝontaj hispanaj studentoj, montris ardan interesiĝon por la lingvo, kaj ili ĉiuj ricevis kontaktadresojn de E-movadanoj en Hispanio. Ana Belén krome faris promeson lerni la lingvon, reveninte hejmen. Eble estas okazo alvoki hispanlingvanojn por ke ili sendu mallongajn retmesaĝojn al Belén kaj ŝiaj kamaradoj. La ideo estos montri al ŝi la ekzistadon de Esperanto kaj niajn komunuajn laborojn mondskale. Homoj ŝajnas ne aŭdi pri Esperanto kaj pensas ke ĝi mortis. Eĉ se ŝi ne lernos la lingvon tuj, estos plezuro por ŝi sperti, ke Esperanto funkcias kiel kontaktlingvo inter Afriko kaj la cetera mondo, ke homoj dise tra la mondo kaj aparte en Hispanio konstante laboras pri tiu idealo.

*Adjévi Adjé*

- **Kongo DR**



En la mateno de la 18-a de decembro 2011, ni estis dekduo da kinŝasaj geesperantistoj kiuj gaje ekiris per senpaga aŭtobuso al Lukala, en la provinco Bas-Congo, por ĝui Zamenhofan tagon. Lukala estas la unua urbo el Kongolando kie Esperanto enkondukiĝis. La gaja etoso de la okazintaĵo atingis sian kulminon kiam aperis neatendita partoprenanto: s-ro Antonio Ngangu Bakidila mem, la prapatro de nia kongolanda movado, kiu jam foriris por ĉiam al Angolo, sia patrujo. Lia parolado pri la historio de la E-movado estis interesa. Kunkune levinte niajn pensojn al la Majstro Zamenhof, ni poste prenis iom da tempo por labori, kaj fine koktelis en "Ça va se savoir", la plej ŝatinda rendevuejo de Lukala. La lokaj s-anoj kiuj tiom ĝoje akceptis nin, kaj ni mem, interparoladis la tutan tempon en la lingvo de la nova mondo. Dume, la observantoj el Lukala fieris pro la lingvo kiu, el sia urbo, dissemiĝis tra la lando. Tiun urbon ni forlasis nur kiam en la ĉielo, flirtemaj steloj konsentis anstataŭi la sunon. Antaŭ la noktomezo, ĉiu kinŝasano atingis sian hejmon.

*Mavomo Mafuila, por DKEA*

- **Sud-Afriko**




En Sud-Afriko, ĉefe en la urbo Cape Town (Esperante: Kaburbo) okazis granda ceremonio dum la Zamenhofa Tago. Kutime tiu ĉi festiĝas la 15-an de decembro, sed en Kaburbo la 16-a reteniĝis por memorfesti la naskiĝdaton de la aŭtoro de Esperanto. Tiu dato koincidas kun feria tago en Sud-Afriko; temas pri la Tago de la Repacigado ("Rekonciliado"). La Tago estis baptita "Kultura Tago" de la organizantoj de la Zamenhof-taga festo. Kvar fortaj momentoj signalindas dum tiu tago. La unua estis la prezentaĵoj far kaburbaj esperantistoj en Esperanto; la dua temis pri la prelego; la tria temis pri la ekspozicio de esperantaĵoj kaj de la E-muziko; la kvara estis la ekskurso de klubanoj. La vetero estis admirinda tuttage, sunis kaj ventis, kiel kutime en Kaburbo. Ĉio startis per la alveno de la invititoj. Ĉirkaŭ tridek neeperantistoj estis invititaj, ne pli ĉar la nombro estis limigita pro la malgrandeco de la lokalo. Ĉiuj akceptis la inviton kaj efektive alvenis. La tagprogramo estis en la mano de la gejunuloj de Kaburba Esperanto-Junularo (KEJ), organizantoj de la Zamenhofa Tago. Tamen, gvidis la kultura konsilanto de Kaburba Esperanto-Klubo (KEK), Viktoro Kaswala. Post la alveno de ĉiuj invititoj, sekvis la komenco de la ceremonio per bonvenigo fare de Trezoro Mokelo, prezidanto de KEJ kaj estro de la organizantoj de la Tago. La prezidanto de KEJ varme deziris bonvenon al ĉiuj partoprenantoj, klariginte la kialon kaj la gravecon de la ceremonio. Poste, li prezentis la gvidantaranojn de KEJ. La ĉeestantoj aplaŭdis je la fino de la prezentado. La alia etapo estis la prezentaĵoj fare de esperantistoj. Kelkaj junuloj prezentis sin en Esperanto antaŭ la neesperantistoj: la prezidanto de KEJ legis longan tekston el la revuo *Esperanto*; la vicprezidanto de KEJ,

Shem Kabanza, poemis; kaj la ĝenerala sekretario de KEJ, Sommet Muendele, legis unu longan ĉapitron de la Nova Testamento. Venis la grava momento de la Zamenhof-tago. S-ro Emile Malanda, fondinto kaj kunordiganto de la E-Klubo en Kaburbo, estis invitita antaŭ la ĉeestintoj por prelegi. Li prelegis pri mallonga temo kiu havis longan kaj klaran enhavon: "Esperanto, lingvo internacia ". Li emfaze iris de la vivo de Zamenhof ĝis la nuna evoluo de Esperanto en la mondo. La partoprenintoj estis entuziasmigitaj de la prelego kaj venis multaj demandoj dum la posta debato. La preleganto kontentigite respondis kaj, konvinkita, la plejparto estis allogita al Esperanto. Sekve, la moderanto invitis ĉiujn al la ekspozici-tablo pri kiu respondecis Kabos Tanze, la vic-sekretario de KEJ. Ankoraŭfoje la invititoj admiris diversajn realaĵojn de Esperanto kaj miris. Ĉirkaŭ kvardek esperantaĵoj estis ekspoziciataj. La plejparto de la E-libroj estis donacitaj de s-ro Colin Beckford (ĉefdelegito de UEA por Sud-Afriko), profesoro Harro von Blottnitz (ĝenerala sekretario de Esperanto-Asocio de Sud-Afriko), kaj s-ino Betty Chatterjee el Kopenhago (dana korespondantino de Kaburba E-Klubo). La asembleo estis invitita al koktelo dum la E-muziko resonis. Respondecis pri tiu muziko Dieudonné Ndaya, la sekretario kaj administranto de KEK. Fine de la ceremonio ĉiuj partoprenintoj brakumis unu la aliajn kaj la gvidanto dankis kaj adiaŭis ĉiujn. La lasta etapo estis la ekskurso de kaburbaj esperantistoj. La klubanoj kiuj pagis la aliĝkotizon al la ekskurso rekte iris al la haltejo de la famaj turismaj busoj "*City Sightseeing Cape Town*", fiere enlokiĝis en unu el la ruĝaj busoj kaj ekskursis du horojn en varma etoso, admirante la belecon de la urbo.

*Emile Malanda (klubodekaburbo@gmail.com) kaj Trésor Mokelo (kejunularo@gmail.com)*

## AFRIKANOJ KAJ LA UK DE 2011

**Intervujo kun partoprenintо Latifou Gbadamassi (LG) el Benino**

ESPERANTO EN AFRIKO: *Saluton. Vi estas nuntempe prezidanto de la landa asocio de Benino kaj komitatano A de UEA. Ĉu la UK de Kopenhago estas via unua Universala Kongreso? Kiom da internaciaj Esperanto-renkontiĝoj vi ĝis nun partoprenis?*

LG: Jes, Kopenhago estas mia unua Universala Kongreso. Ĝis nun, mi partoprenis en ses internaciaj Esperanto-renkontiĝoj.

EOA: *Vi estas afrikano kaj ja scias pri malfacilaĵoj, kiujn afrikanoj alfrontas kiam temas pri ties partopreno en UK en la okcidenta mondo. Kiajn malfacilaĵojn vi aparte spertis kadre de via partopreno en la UK en Kopenhago?*

LG: Mi aparte spertis financajn malfacilaĵojn, sed tiuj estas limigitaj ĉar temis nur pri administradaj kostoj (vojaĝkostoj: iradoj inter Lokossa kaj la dana ambasadejo en Cotonou, renovigo de mia pasporto, polic-asekuro, viza petkotizo ktp). La flugbileto pagis ILEI, kies gasto mi estis. Do, estis ligo inter mia partopreno en la UK kaj tiu de la ILEI-konferenco. Konfesindas tamen, ke la renovigo de mia pasporto kaŭzis jurajn problemojn. Tial mi devis rilati kun la tribunalo de Lokossa kaj la enmigra-elmigra oficejo en Cotonou. La vizon mi povis akiri facile dank' al Ileana Schroder, la prezidantino de LKK, kiu urĝe kontaktis la danan ministerion pri eksterlandaj aferoj, kiu rilatis kun la dana ambasado en Cotonou kaj la afero estis tiel solvita.

EOA: *Nu, evidentiĝas, ke vi multon scias pri internaciaj renkontiĝoj, ĉar vi jam partoprenis en diversaj renkontiĝoj, ĉu en Afriko, ĉu en Eŭropo. Surbaze de tiuj spertoj, ĉu vi povas resumi al ni, kial la movado en Afriko kelkfoje lamas?*

LG: La kialoj estas multaj, tamen menciindas la jenaj:

– Esperanto ne estas aŭtomate profita, ĝi estas neŭtrala kaj ĝia lernado ne garantias laboron, do ekzistas ĝenerala sinteno ke ne indas lerni ĝin.

– Multaj eklernas sed tre malmultaj daŭrigas la lernadon. La plimulto forlasas post kelkaj semajnoj aŭ monatoj. Do, la nombro de Esperanto-parolantoj stagnas kaj ne kreskas.

EoA: *Kiajn solvojn vi proponas, por ke la movado estu pli vigla en Afriko?*

LG: Por ke la movado estu pli vigla en Afriko, mi proponas ke:

– Landaj asocioj sciigu al junaj komencantoj kaj komencintoj ke Esperanto estas komunikilo. Eblas gajni profitojn en Esperantujo per honestaj kaj sinceraj korespondrilatoj. Nur kiuj daŭrigas la lernadon meritas tiajn avantaĝojn.

– Landaj asocioj plifortigu junan agadon tra siaj junularaj sekcioj, okazigante aranĝojn inkluzive premiodisdonojn por motivi junajn esperantistojn. Tio gravas ĉar junuloj estas la estonto de Esperanto. Eĉ dum UK ĉe la programero pri la kongresa temo kiun mi ĉeestis, oni faris kelkajn rimarkojn pri la graveco de la junularo por la estonteco de la tutmonda Esperantujo.

EoA: *Reen al la UK en Kopenhago. Kiajn impresojn vi havis pri ĝi?*

LG: Miaj impresoj estas pozitivaj kaj bonaj. Mi revidis partoprenintojn de la benina ILEI-konferenco, kaj konatiĝis kun elstaraj estraranoj kiujn mi nur laŭnome kaj laŭfote konis per informiloj. Mi ankaŭ ligis novajn amikecajn rilatojn.

EoA: *Ĉu vi lernis aŭ akiris novajn konojn aŭ strategiojn dum la UK, kiuj helpos vin agadi alimaniere en Benino? Se jes, kiajn strategiojn?*

LG: Kompreneble:

– starigi konkretan instrufakon;

– starigi nacian ekzamensistemon;

– elekti nacian ekzamenan komisionon;

– fari instruvojaĝojn enlande.

EoA: *En respondo al antaŭa demando vi menciis kelkajn erojn kiuj kontribius al lamado de la movado en Afriko. Kion vi konkrete proponas, por ke la movado en Afriko estu pli vigla?*

LG: Mi proponas ke oni:

– altigu la subvenciojn de UEA al la landaj asocioj;

– rehabilitu la sistemon de "tutafrika Esperanto-kongreso";

– rehabilitu la repagon de afrankkostoj por plifaciligi interpersonajn korespondadojn. Se diri la veron, korespondado emigas al la lernado de Esperanto kaj al klerigo.

EoA: *Vi nun havas spertojn pri malfacilaĵoj koncerne partoprenon de afrikanoj en UK en la okcidenta mondo. Kiajn konsilojn vi povas doni al estontaj afrikaj esperantistoj, kiuj deziras partopreni UK-on en Eŭropo?*

LG: Konsulejoj/ambasadoj havas kondiĉojn kaj nur kiuj plenumas tiujn kondiĉojn ricevas vizon. Sed, laŭsperte, kelkaj afrikanoj malaperis/as post Esperantaj aranĝoj kaj ne ŝatas reiri hejmen al Afriko. Tio estas kontraŭregula. Tial, konsulejoj petas de vizpetantoj dokumentojn kaj informojn rilate iliajn profesion kaj familion ĝenerale, financajn pruvilojn ktp kiuj garantias ilian revenon kaj kapablon prizorgi siajn loĝadon kaj manĝadon dum sia restado.

Krom financaj problemoj, al estontaj afrikanoj, mi konsilas provizi al okcidentaj konsulejoj oficialajn dokumentojn pri:

– siaj profesioj: ĉu studento en lernejo/universitato enlande, ĉu ŝtata oficisto/privata oficisto, kun skribpermeso de sia estro (lernejestro, registaro, oficestro);

– sia familio: edzino/edzo, geinfanoj kaj eble gefratoj. Mi rekomendas ke oni vojaĝu sola, lasante edzinon/edzon kaj infanojn en Afriko, se oni havas ilin.

Tiuj dokumentoj pruvas ke pro siaj studadoj, sia laboro, sia familio (edzino/edzo kaj eventuale infanoj), oni nepre devas reveni al Afriko – ĉar la problemo estas ke la konsulejoj timas ke oni malaperus kaj ne plu reirus hejmen.

EoA: *Ĉu, laŭ vi kaj surbaze de tio kion vi spertis en Eŭropo, Afriko estas preta por aranĝi UK-on? Kial, aŭ kial ne?*

LG: Jes, Afriko pretas aranĝi UK-on, sed neafrikanoj decidos. ILEI jam pruvis sian kapablon aranĝi interkontinentan eventon per la ILEI-konferenco okazigita en Benino en 2008. Pliaj tiaj aranĝoj estas bezonataj por kuraĝigi al UEA okazigi UK-on en la nigra kontinento. El diskutoj kun ILEI-estraranoj dum la kopenhagaj aranĝoj, rezultis ke ILEI intencas refoje konferenci en Afriko en 2014, tio estas post tri jaroj. TEJO ankaŭ verŝajne okazigus IJK-on post kelkaj jaroj. Ja, la espero estas! Mi mem dum UK multfoje pledis por la okazigo de UK en Afriko, ĉe ĉia programero, eĉ ĉe la solena inaŭguro, kiam mi havis la ŝancon paroli antaŭ la aŭskultanta publiko. Sed afrikanoj devas labori pli por bone meriti ion tian!

EoA: *Kara prezidanto, dankon pro via akcepto de la intervjuo. Vi rajtas konkludi la intervjuon, se vi deziras.*

LG: Ne dankinde. Espereble la Afrika Komisiono estos ĉiam je nia dispono por ke ni povu reale konkretigi niajn revojn.

- **Rakonteto de ganaa partopreninto en la UK de 2011**

Mi jam multfoje legis informojn pri Universalaj Kongresoj en la revuo *Esperanto* kaj ĉiam demandis al mi, kiam eblos al mi partopreni en ĉi tiu speciala evento de esperantistoj? Rigardante mian financan situacion mi ĉiam dubis, sed kiel esperantisto mi samtempe esperis ke iam venos la ŝanco. Finfine, sufiĉe longe post mia esperantiĝo en 1996, mi sukcesis partopreni en du gravaj aranĝoj: Universala Esperanto-Kongreso kaj ILEI-konferenco. Dum diversaj programoj mi renkontis multajn esperantistojn kies nomojn mi jam ie aŭdis aŭ legis. Ĉefe inter ili estis s-roj Hans Bakker kaj Renato Corsetti. Mi eĉ deĵoris dum la movada foiro ĉe la afrika budo kune kun Renato Corsetti kaj disdonis diversajn informfoliojn al esperantistoj kun intereso pri agadoj en Afriko.

Mi nun konscias kiel pozitive oni povas uzi Esperanton. Eblas skribi interesajn novaĵojn kaj artikolojn el sia propra lando por la revuo *Monato,* ekzemple, kaj laŭ s-ro Paul Gubbins, oni gajnas iometan honorarion per tio. Ankaŭ eblas skribi legolibron pri ĉiaj interesaj temoj por vendi ĉe la Libroservo de UEA al esperantistoj. Eblas krei bonan projekton kaj diskuti kun geesperantistoj kiuj havas intereson pri ĝi, por ke ĝi estu realigebla per komuna laboro. Mi esperas ke tre baldaŭ Universala Kongreso okazos en iu lando en Afriko por ke afrikanoj povu pli facile partopreni. Mi jam aŭdis ke kiel strategia plano de TEJO, ili planas okazigi Internacian Junularan Kongreson en la jaro 2014 en Afriko; kaj ke se UEA povas veni kune kun TEJO, okazos neforgesebla influo de Esperanto en Afriko. Mi persone havas novan projekton kiun mi volas starigi kune kun aliaj afrikanoj; se iu interesiĝas, tiu bonvolu kontakti min por pliaj informoj.

*Alfred Arthur (abaako43@yahoo.com)*

- **Sankta Nikolao finfine en lernejo Jules Verstraeten (Benino)**




De dek jaroj gelernantoj de la publika lernejo Jules Verstraeten en Benino akceptas unu el la pioniroj de la lernejo dum someraj ferioj. Ofte tiu pioniro kunportas donacojn ĉiuspecajn por kuraĝigi la infanojn, ne nur por sukcesi je kaj laŭ lerneja plano, sed ankaŭ por lerni Esperanton (kelkaj ĉefaj volontuloj de la Afrika Oficejo de UEA eĉ estis iamaj gelernantoj de tiu lernejo). Ĉi-foje disdono de la donacoj okazis inter la kristnaska festo kaj tiu de la novjaro. La periodo elektita estas en si mem surprizoplena, ĉar antaŭe nenio tia okazis dum decembro. La infanoj ricevis bombonojn, librojn kaj balonojn. Indas memorigi ke la konstruo de la lernejo eblis pro kontribuoj de esperantistoj, ĉefe el Germanio. La lernejo ja estas publika kaj la infanoj ne bezonas pagi ion ajn por esti kaj studi tie.



Rilate al klaŝcambroj, la lernejo nun estas preskaŭ completa. Jam de tri jaroj ĝi havas la ses klasojn oficiale necesajn por baznivela lernejo en Benino. Ĝi havas ankaŭ propran akvoputon, komplete financitan de la germana esperantista paro Hauge. Se ĉio glate iros, du aŭ tri junuloj de la lernejo abituriĝos fine de julio 2012. Inter tiuj unuaj lernantoj bedaŭrinde estas neniu ino, sed tio baldaŭ ŝanĝiĝos.

Disponigo de ludejoj estas nun unu el la ĉefaj celoj de la venonta agado por la lernejo. Ni intencas disponigi ludejojn taŭgajn por futbalo, korbopilko, saltado kaj grimpado. Intertempe projekto rilate al la ĝardeno bone progresas, sed tiu pri konstruo de kultura centro devos atendi pro manko de rimedoj. De ses jaroj mecenatoj, ĉu de Kanado, ĉu de Eŭropo, kontribuas al pagado de lernokosto por geknaboj, kiuj devas daŭrigi siajn studojn poste en la loka duagrada lernejo. Ĉirkaŭ kvindek geknaboj ricevis tian financan helpon dum la lernojaro 2010-2011. Sento de fiereco estas pli kaj pli videbla sur la vizaĝo de la infanoj en Koĝi, danke al la lernejo Jules Verstraeten kaj al la helpo de la Esperanto-komunumo.

*Jean Codjo*

**Pli vigla movado en Sud-Afriko**

En Sud-Afriko, Esperanto bone kaj varme disvastiĝas en la urbo Kaburbo (angle Cape Town, afrikanse Kaapstad), dank' al la starigo de Kaburba Esperanto-Klubo (KEK) sub gvidado de Emile Malanda. Kiel aliĝinta klubo al Esperanto-Asocio de Sud-Afriko (EASA), KEK serioze funkcias en la urbocentro kaj lastatempe akiris novan instru-lokon helpe de siaj klubanoj. La unua klubejo estis malgranda, sed post kvarmonata E-kurso la nombro de lernantoj kreskis kaj ebligis al la klubo translokiĝi al la nova loko.

La E-instruadon ricevas rifuĝantoj kaj civitanoj loĝantaj en Kaburbo. Entute la lernantoj de la unua nivelo nombras dek ses kaj regule lernas la internacian lingvon; la nove varbitaj estas kvin. La E-kurso okazas ĉiutage dum la posttagmezo de la 1-a horo ĝis la 4-a. Ĝi disvolviĝas laŭ la disponeblo de la gelernantoj kaj laŭ la interna regularo de la Kaburba klubo. Ekzemple, la tria alineo de la regularo diras: "Ĉiu lernanto de KEK devas partopreni en la E-kurso almenaŭ trifoje semajne."

Dum la lernado pluraj metodoj kombiniĝas por akirigi la lecionojn al la lernantoj. Koncerne la unuan studnivelon, dudek lecionoj estis preparitaj el diversaj libroj. La ĉefa metodo povas esti nomata "klasika": t.e., la lernantoj partoprenas en la klasĉambro dum la E-instruisto prezentas la lecionon. Ankaŭ estas uzata parte la Cseh-metodo, la instrulibro por kiu estis speciale donacita de prof. Harro von Blottnitz.

La E-kurso estas programita de lundo ĝis vendredo; la gramatiko kaj la tekstoj estas instruataj dum du horoj tage, kaj la lernantoj faras ekzercojn post ĉiu leciono. Sabato estas rezervita por duhora legorondo per la libroj *Esperanto en dialogoj* kaj *Mazi en Gondolando*. Dum la legorondo ĉiuj praktikas laŭvice kaj la instruisto korektas la erarojn en la prononcado. Alia varma etapo dum la legorondo estas la "demandaro" rilate la tekstojn, dum kiu la instruisto kontrolas la komprenon de la tekstoj; tiam sekvas konversacioj en Esperanto fare de la lernantoj. La lernado sukcese okazas pere de libroj en diversaj lingvoj: la angla, afrikaansa, franca, lingala (loka kongolanda lingvo) kaj svahila.

Krom la kurso en Kaburbo, KEK-anoj laborplanis kelkajn konkretajn agadojn farotajn de tri fakgrupoj: Eduko, Turismo kaj Komerco. La unua estas ligita al la eduka projekto de EASA pri okazigo de E-instruado dise en la lando, kaj ankau al la instruado de Esperanto flanke de aliaj lingvoj de rifuĝintoj loĝantaj en Sud-Afriko. La turisma fako okupiĝas pri la projekto "Turismo en Afriko", sub la emblemo de "TurAfrik", kaj precipe celas komisioni por esperantistoj kiuj volas turismi en Afriko ĝenerale kaj en Sud-Afriko aparte. La komerca fako disvolviĝas sub la nomo *Esperanto Training And Development* ("ETD-Business") kaj celas komisioni por importado, eksportado kaj investado. Ĝi partoprenas en la retforumo de la komerca fakasocio IKEF kaj jam ekstarigis oficialajn rilatojn kun du grandaj firmaoj el Ĉinio, kaj kontaktojn kun multaj partneroj aliloke.

Kreiĝis cetere Kaburba Esperanto-Junularo (KEJ) sub la gvido de la fondinto de KEK. Tre rapide stariĝis la junulara sekcio ene de Kaburba E-Klubo dank' al la sindonemo de la gejunuloj. Tamen ĉiuj de la klubo daŭre aktivas por la aparta junulara fakgrupo, kun la celo plene funkciigi la junularan organizaĵon en la sudafrika Esperantujo. Ĝi restas en kontakto kun UEA-aktivulo Renato Corsetti kaj kun Jérémie Sabiyumva, respondeculo pri TEJO en Afriko. Ankaŭ rimarkindas ke jam tiu junulara sekcio ekhavis kontaktojn kun aliaj E-organizaĵoj en la mondo, kaj jam ekinteresiĝis ĝemeliĝi kun multaj E-aranĝoj el diversaj partoj de la mondo. Kontaktinformoj: Kaburba E-Junularo, P.O. Box 2787, Cape Town 8000, South Africa; 💻kejunularo@gmail.com.

*Emile Malanda (membro de AK)*

# EL NIA LETERKESTO

- **Ganao pli kaj pli ILEI-umas**

Jam de longe la ganaa Esperanto-movado stagnis rilate al membronombro. Mi jam multfoje diskutis pri tio kune kun esperantistaj kolegoj en la lando. Finfine evidentiĝis ke ne ekzistas klara instruprogramo enlande por ebligi al varbataj novaj membroj studadon de la lingvo. Pro tio ni pasint-oktobre oficiale registrigis novan asocion ILEI-Ganao por zorgi pri disvastigado kaj instruado de Esperanto en la tuta lando. Ekde tiam ni jam havas bonajn laborrilatojn kun kvar lernejoj, unu el kiuj jam instruas la lingvon al lernantoj ĉiuvendrede. En la sama lernejo ni eĉ festis la Zamenhof-tagon, en tute amika etoso. Ni esperas ke nia kunlaboro kun aliaj lernejoj ankaŭ progresos, kaj ke sammaniere la nombro de geesperantistoj en Ganao aprezinde kreskos.

*Alfred Arthur*

- **Poul Thorsen, grava amiko de Afriko**



Biblioteka Apogo Roma kaj Poul Thorsen dividis sian restantan bonhavon, 1155 eŭrojn, inter sep ricevantoj. Per tio la 15-a aljuĝo de subvencioj el la donaco de ges-roj Thorsen fariĝis la lasta. La konata dana esperantista paro donacis la bazan bonhavon de la Biblioteka Apogo al UEA en la jaro 1997 kaj samjare okazis ankaŭ la unua disdono. Komence oni antaŭvidis, ke la donacita mono sufiĉus por deko da jaroj, sed la gajnita rento plilongigis la vivodaŭron de tiu speciala kaso de UEA. Per la decido de Claude Nourmont, estrarano pri kulturo kaj vicprezidanto de UEA, kaj Osmo Buller, ĝenerala direktoro de UEA, subvencion en formo de Esperanto-libroj ricevis Demokratia Kongolanda Esperanto-Asocio (€250), Asocio de Beninaj Esperantistoj (€250), Reza Kheir-Khah (Tajvano, Ĉinio; €200), Marc Vanden Bempt (Belgio; €155), Biblioteko de la Esperanto-Muzeo en Svitavy (Ĉeĥio; €155), Triesta Esperanto-Asocio (Italio; €100), kaj Kroata Esperanto-Ligo (€55). Eblas konatiĝi kun la vivo kaj agado de la Esperanta poeto Poul Thorsen (1915-2006) per la retejo www.poulthorsen.dk.

- **La orfejo Nabouba en Benino ankoraŭ ekzistas**



Antaŭ kelkaj monatoj legeblis mesaĝo plena je entuziasmo pri aresto de la ĉefa gvidanto de la orfejo Nabouba. Por la Esperanto-komunumo en Benino tia informo estas kortuŝa, ĉar unu el la ĉefaj mecenatoj de tiu orfejo estas la esperantistino Vladka Chvátalová. La redaktoro de *Esperanto en Afriko* kaptis la okazon de sia vizito en Benino por ricevi plian informon pri la orfejo. Feliĉe Vladka mem vizitis Beninon dum la saman periodon. Detalojn pri la situacio de la orfejo ricevis nia bulteno, kaj ni povas aserti ke Nabouba daŭre ekzistas kaj estas ankoraŭ grava ejo por dekoj da georfoj. Charles Alofa, grava membro de la Afrika Komisiono de UEA, daŭre reprezentas Vladka por surloke kontroli la funkciadon de la orfejo. S-ro Félicien Michifan, gvidanto de la orfejo, promesas plian viglecan projekton por Nabouba. En la foto, li donas klarigon apud akvoputo konstruita antaŭ kelkaj monatoj.

*Jean Codjo*

## MEMORE AL PHIL BOSMANS (1922–2012), AMIKO DE LA HOMARO



Ekde 1957 Phil Bosmans dediĉis sian vivon al la starigo kaj kultivado de *Bond zonder Naam* (Movado sen Nomo). Phil opiniis ke en la nuntempa socio regas tro multe da atento por tekniko, teknologio kaj materiaj havaĵoj. Li promociis la "Kulturon de la Koro" por plibonigi la kvaliton de la kunvivado.

Bosmans ĉiam simpatiis kun Esperanto. En 1980 li mem proponis ekuzi Esperanton por la disvastigo de siaj mesaĝoj. Tiam fondiĝis Movado sen Nomo. Same kiel la origina movado, ĝi komencis per eldono de slogano, kiu resumas la esencon de la agado : "Plibonigu la mondon komencante ĉe vi mem." Bosmans disponigis la necesan monon por fondi aŭtonoman asocion, kiu ankoraŭ nun ekzistas kaj pluaktivas. Kvankam ĝi supozeble estas la plej malgranda el 11 samtipaj asocioj, Bosmans ĉiam persone interesiĝis pri ĝia disvolviĝo kaj ĝia farto. Du el liaj libroj estas eldonitaj en Esperanto. En 1992 li eĉ partoprenis la UK en Vieno.

Iu el la fervoraj admirantoj de Movado sen Nomo estis Jean Codjo. Kiam li estis unuafoje en Belgio kaj Germanio en 1994, li deziris persone konatiĝi kun Bosmans. Tiu kontakto estis ege amika kaj sincera. Jean des pli admiris sian inspiranton, kaj Phil komprenis ke Codjo praktikas la kulturon de la koro kaj meritas plenan subtenon en siaj iniciatoj. El persona konto, Bosmans subvenciis la studojn de Jean en la universitato de Benino en 1996-1997 kaj ankaŭ en la universitato de Hamburgo (Germanio) en 1999-2000.

Tiamaniere Phil Bosmans do ankaŭ nerekte kontribuis al la poresperanta agado en Afriko. Phil Bosmans, 89-jara, forpasis en la 17-a de januaro 2012. Pluraj esperantistoj partoprenis la entombigan ceremonion de tiu eminente inspira homo.

*Ivo Durwael*

****************************************

Komentojn, konsilojn, sugestojn kaj raportojn pri okazintaĵoj en via urbo aŭ lando bv. sendi al la redakteja adreso: afrika.oficejo@gmail.com, aŭ aerpoŝte al:

**Afrika Oficejo, B.P. 416, Lokossa-Mono, Benino**
**tel./fakso: +229 224 10 229**

****************************************